# juna amiko




INTERNACIA ESPERANTO-REVUO DE ILEI
POR LERNEJANOJ KAJ KOMENCANTOJ

DECEMBRO 2001 N-ro 4 (99)

## Pri la lingv'aĵo kaj ortografio[1] de

# juna amiko

Sen pied'notoj ni uzas nur la plej oftajn 1500 vort'radikojn. Tiuj ĉi vortoj aperis en: ***Esperanto, Minimum szótár*** (1995), kiu jam plene elĉerp'iĝis. Nun ili estas alir'eblaj ĉe Interreto, en la hejm'paĝo de Juna Amiko: *http://www.banyai-kkt.sulinet.hu/esperanto*

**Krom-signoj**, kiuj helpas komenc'antojn:

**Divido-streko(-)** trov'iĝas inter la elementoj de vort'kun-metoj, kiam ne mankas fin'aĵo, ekzemple: tablo-tuko, el-iri ...

**Vertikala strek'eto (')** signas mankon de finaĵo: bild'karto, verd'iĝi ...

Kiam io helpas la rekonon, kiel ekzemple: tuttaga (tt) aŭ la vorto revenas en la sama artikolo aŭ kiam la vorto estas tre kon'ata jam por komencanto (esperantisto, patrino... ) ni ne uzas kromsignon.

Vi ofte trovas komojn (,). Ankaŭ per tio ni deziras helpi komencantojn.

1. regul'aro de la ĝusta skribo.

☺

***Sur la titol'paĝo:***

***Nov'jara bon'deziro Laŭ la ideo de germana amiko desegnis Irina Nagy***

# *Kion fari kontraŭ per-forto?*

*Teror'ista atako kontraŭ Usono (11 septembro)kaj ties sekvoj igas min mediti.*

*Jen denove evident'iĝis, ke la plej respektata homa (?) kvalito en la mondo ĉiam ankoraŭ estas la forto. Aliaj homaj kvalitoj: inteligento, amo, toler'emo estas dua- aŭ triagradaj kompare al la (per)forto. Kiu elmontras forton, tiu havas potencon, eĉ respekton kaj povas tim'igi multajn homojn, eĉ la tutan homaron.*

*Ni spertas, ke forto kaj just'eco mal-ofte iras kune, malgraŭ ke ĉi lasta sen-dube estas kvalito pli homa.*

*Kaj kion fari kontraŭ perforto? Ĉu krii por venĝo kaj tuj re-bati, aŭ prezenti al la bat'into ankaŭ la alian vangon, kiel konsilas la Biblio? Historia sperto montras, ke la bat'into, sen ajna konscienc'riproĉo, refoje batas. Se la bat'ito re-batas, li fariĝas simila al la batinto kaj liveras al li plian argumenton por bati denove kaj denove en la nomo de sen-kulpaj sufer'intoj.*

*Kiu el-iro, inda al homo, ekzistas? Miaopinie nur la sekva vojo povas konduki al celo: antaŭ ol rebati, unue serĉu la erarojn en viaj agoj kaj nepre ne provu vin trompi per ŝajnaj pretekstoj kiel seksa, rasa, kultura, nacia kaj aliaj super'ecoj. Due, punu sole tiujn (kaj ne nepre fizike), kiuj vere kulpas pri la perforto.*

*Kion vi opinias?*

*Geza Kurucz*
*redaktoro*

# Legendo[1] pri la abio[2]

Jam, post la al-veno de la aŭtuno la birdoj for-flugis al varmaj landoj. Nur iu malgranda birdo ne povis kun-flugi, ĉar ĝi havis romp'itan flug'ilon. Ĝi ploris. Kun mal-ĝoja koro la kompat'inda bird'eto iris en la arbaron por peti helpon de arboj. Per milda voĉo ĝi ek-parolis:

*"Rigardu min, mi havas rompitan flugilon, permesu al mi vivi inter viaj branĉoj ĝis la printempo."*

"Mi ne povas akcepti vin, birdeto", respondis la fago[3]. "Estas sufiĉe por mi zorgi pri mia branĉaro. Iru de ĉi tie! Iru al la kverko[4]!"

"Nek mi povas", diris la kverko. "Mi timas, ke vi manĝos miajn glanojn[5]. Flugu, birdeto, al alia loko! Se ne, mi rompos al vi ankaŭ la alian flugilon."

Jiel ĉiuj arboj for-pelis la kompatindan birdeton, kiu jam estis plene mal-esper-iĝ'inta, kiam ĝi aŭdis voĉon.

"Kien vi iras malgranda birdeto?" demandis la abio.

*"Mi ne scias kien iri, kara abio. Ĉiuj arboj forpelis min, neniu volas min akcepti. Jen mia flugilo doloras kaj mi ne povas flugi."*

"Ho Dio, kia doloro! Venu al mi", diris la abio kun kompato. "vi povas resti inter miaj branĉoj, ĝis kiam vi deziras."



Jiam la birdeto faris por si kuŝ'ejon sur branĉoj de la abio. Sed en iu nokto malvarme ek-ventis. Tio estis antaŭsigno de la vintro. La folioj de la arboj flav'iĝis kaj faladis teren.

"Ĉu mi povas forskui ankaŭ la foliojn de la abio?" demandis la Vintro al la reĝo de la ventoj.

"Ne", decidis li. "La abion evitu. Ĝi estis bon'kora al la birdeto, pro tio mi devas ĝin protekti."

Oni diras, ke de tiam la bonkora abio perdas siajn verdajn foliojn nek en vintro, nek en somero.

Tradukis el la rumana:
*Eugenia-Ecaterina Popoviciu*

1. rakonto parte fabeleca / 2. arbo kun ĉiam-verdaj pinglo-folioj / 3-4. speco de arbo, konsultu vian naci'lingvan vortaron / 5. glano: frukto de kverko.

**NIA KULTURA HEREDAĴO**

*En tiu ĉi rubriko vi trovas bildojn el la Esperanta literatura heredaĵo dank' al la plumo de nia fidela kun-labor'anto, el-stara islanda poeto,* ***Baldur Ragnarsson****. Konsciu, ke sen bazaj scioj pri nia historio kaj literaturo oni ne povas fariĝi cel'konscia esperantisto, sukcesa pled'anto por nia nobla ideo. (Red.)*

# BILDOJ EL LA HISTORIO

## 16 *Raymond Schwartz*

En la jaro1926 aperis en Parizo malgranda libro, titol'ita *Verd'kata testamento*[1]. La titolo estas aludo[2] al Esper-anto-kabareto[3], nomita *Verda Kato,* kiu tiu-tempe floris en Parizo sub la gvido de la verk'into, *Raymond Schwartz [Remon Ŝvarc]*. La libr'eto en-havas pli ol sepdek humurajn vers-aĵojn, lerte ritmajn[4] kaj rimajn[5], kio faras ilin eminente taŭgaj por kabareta prezento. La Esperanta literaturo ek-havis sian unuan humur'iston.

Raymond Schwartz nask-iĝis en 1894 en la urbo Metz en franca provinco[6] Loreno, kiu en tiu tempo estis sub germana rego. Schwartz lernis Esperanton kiel jun'ulo kaj fondis esperantistan societon en Metz, tiam nur 19-jara. Baldaŭ poste li trans-lok'iĝis al Parizo kaj fariĝis unu el la ĉefaj port'antoj de vigla esperantista vivo en tiu urbo. Per siaj sprito-riĉaj verkoj, poeziaj kaj prozaj, li donis novan dimension[7] al la Esperanto-kulturo en la inter-militaj jaroj. Al tiuj verkoj kaj al la kabaret'ista aktivado de Schwartz ŝuld'iĝas la sia-tempaj kliŝaj[8] ideoj pri li kiel epikur'isto[12], t.e.[9] mal-serioza viv'ĝuanto kun vin'botelo, mok'pik'ema kaj karikatur'ema[10]. Sen-dube, multe kontribuis al tiu mito[11] la rim-portreto, kiun verkis pri li Kalocsay [Kaloĉai]: *"Jen Raymond Schwartz, kun vinbotelo / la ĉarma an' de Epikur'*[12]*...".* Sed tia karakter'skizo tro-simpl'igas la veron pri tiu rimark'inda homo. Li estis esence serioza pens'ulo, kiu laŭ-nature ŝatis simplan, ne-arte-far'itan vivon.

# LITERATURO DE LA ESPERANTA

La verk'ista ag'ado de Schwartz estas divid'ebla en du partojn: la "kabaretistan", grand'parte poezian kaj la pli seriozan, prozan parton. Post *Verdkata testamento* sekvis pliaj humur'ecaj libroj: *La stranga butiko, La ĝoja podio*[13]... kun siaspeca spico. La celo de tiuj verkoj estas amuzi. Pri *La ĝoja podio* la verkisto anoncas antaŭparole: *"Nur unu ambicion[14] ĝi havas: Amuzi vin, por juste meriti sian nomon."*

La proza parto de la verkista agado de Schwartz konsistas ĉefe el lia novel'aro[15] kaj du romanoj. La romano *Anni kaj Montmartre* (1930) rakontas la aventurojn de germana knabino en Montmartre, kvartalo[16] en Parizo, fama pro siaj kaf'ejoj kaj nokto-kluboj. La junul'ino sentas sin for-las'ita kaj iom perd'iĝ'inta, tiel ke la aventuroj de la junulino estas iom mal-gajaj. La rakonto tamen estas sprita kaj esprime el-trov'ema, kiel ĉiam ĉe Schwartz. Fakte la "aventuroj" de la german'ino estas, unua-vice, okazo pri-skribi la vivon en tiu fama Pariza kvartalo dum la jaroj 1920-1930.

La ĉef'verko de Schwartz estas la granda romano *Kiel akvo de l' rivero*, kiu aperis en 1963, dek jarojn antaŭ lia morto. La titolo simbolas la vidpunkton de la aŭtoro, ke ordinaraj homoj neevit'eble iras sian vojon, destin'itan de la cirkonstancoj[17], kiel la flu'anta akvo de rivero. Iom pli precize, la temo de la romano estas la sorto de ordinara homo, kiu volas vivi sian vivon, sed ne-vole devas partopreni du militojn. Li sekvas la fluon, ne klopodas[18], fakte ne kapablas naĝi kontraŭ ĝin. La rakonto trovas sian ek-movan forton kaj la okazajn sekvojn en la sia-tempa situacio de la naskiĝa regiono de la verkisto, kie francaj kaj germanaj influoj[19] estas intermiks'itaj en la vivo de la homoj. La rakonto estas real'isma, sed ĝi profitas ankaŭ el la bon'humora sprit'eco de la aŭtoro, kiel validas ja pri ĉiuj liaj verkoj.

Kred'eble la noveloj de Schwartz estas pli al-ir'ebla leg'materialo por junaj progres'antaj esperantistoj. Kompleta[20] kolekto de liaj noveloj aperis en 1971 sub la titolo *Vole... Novele,* kiu enhavas 35 novelojn. Stile perfektaj[21], lingve sukaj, teme mal-enu'igaj estas tiuj novel'etoj. Antaŭ-tekste la aŭtoro citas[22] kon'atan sentencon[23] de la franca poeto kaj kritik'isto *Boileau,* ke "en literaturo ĉiuj specoj estas bonaj, ĉiuj krom la ... enuiga", kaj li anoncas, ke li ne havis alian celon ol eviti tiun lastan. Kaj precize tiaj estas la noveloj de Schwartz: malenuigaj – sekve bonaj. Efektive, tia mallonga pri-skribo validas ĝenerale pri la tuta verk'aro de Raymond Schwartz, la serioza humuristo.

1. oficiala skrib'aĵo pri la lasta volo de la mort'anto / 2. cel'ado per vortoj / 3. speco de teatr'aĵo rid'iga / 4. ritmo: regula re-ven'ado de akcento / 5. rimo: kun'sonoro de vers'finaj vortoj / 6. regiono ekster la ĉef'urbo / 7. kampon, terenon, direkton / 8. ne-originalaj / 9. tio estas / 10. karikaturo: prezento kun tro-igo de la plej karakterizaj trajtoj / 11. opinio, kredo pri io tre grava / 12. antikva pra-greka poeto, vivo-ĝua / 13. alt'ig'ita loko por parolantoj, aktoroj / 14. fortan deziron / 15. rakont'aro / 16. urbo-parto / 17. akompanaj okaz'aĵoj / 18. penas / 19. efikoj / 20. sen-manka, plena / 21. sen-eraraj, bon'egaj / 22. laŭ-vorte prezentas / 23. mallongan dir'aĵon, kiu en-havas profundan vivo-veron.

# Tut'monda Fabel'konkurso

## sub aŭspicio[1] de UEA

***La 18-an de oktobro en Taivalkoski, Finnlando estis feste dis-don'itaj la premioj de Internacia Fabelkonkurso, kiun ĉiujare okaz'igas la literatura kaj kultura instituto[2] Päätalo [Peetalo] en la lingvoj finna, sveda, samea, rusa kaj, de la jaro 2000, ankaŭ en Esperanto.***

***Al la konkurso en Esperanto venis 20 fabeloj el 9 landoj (Belgio, Ĉeĥio, Finnlando, Francio, Hungario, Italio, Rumanio, Serbio). Kelkaj el la fabeloj estis verk'itaj kaj ilustr'itaj grup'labore. La ĵurio[3] (J.Lindstedt, A.Löwenstein, R.Pyhälä) juĝis la premiojn al jenaj grupoj aŭ individuoj.*** ***Vidu ilin sur paĝo 27.***

**1. protekto / 2. centro de organiz'aĵo / 3. pri-juĝ'antoj.**

# Ludomo

En la finna[1] kamp'aro kelkaj familioj konstruas ludodometon por siaj infanoj. Tia dometo altas eble nur du metrojn aŭ eĉ mal-pli. Ĝi estas tro malgranda por plen'kresk'uloj. Ĝi situas en la ĝardeno aŭ en la korto. Ofte la patro mem konstruas la dometon el ligno kaj pentras ĝin ruĝa kaj blanka, flava aŭ blua. La patrino kudras kurtenojn por la fenestro kaj metas mult'koloran tapiŝon sur la plankon. La patro faras malgrandajn seĝojn kaj tabl'eton, iu kesto fariĝas *la forne-lo*[2]. *Duon'romp*-iĝ-intaj sub-tasoj servas kiel teleroj, aŭ la infanoj uzas foliojn kaj florojn kiel vazojn, kiam ili ludas "familion". Unu el la infanoj estas la patrino, alia la patro kaj la ceteraj infanoj – aŭ pupoj – rolas kiel ge-filoj.

En la ludodometo ili rajtas esti la mastroj, neniu venas interrompi iliajn ludojn. Somere, unu-du infanoj provas dormi sur la planko de la ludodometo, sed ofte okazas, ke malvarmo aŭ fulmo-tondro tim'igas ilin, kaj ili fuĝas en sian veran hejmon meze de la nokto.

Kiam la infanoj fariĝas 13-14-jaraj, ili jam estas tro altaj por ludi en la ludodometo. Tiam la dometon oni povas uzi kiel stok'ejon[3], sed ĝi ĉiam atendas novajn infanojn. Por *la ge-nepoj la ge-avoj* pur'igas kaj





re-pentras la mal-novan ludodometon. Poste, ĝi aspektas kiel tute nova ejo kaj la nep'inoj metas florojn en ian ujon sur la malgranda tableto, kiun kovras pura tuketo. Komenc'iĝas novaj ludoj de novaj infanoj en la kara dometo.

*Raita Pyhälä,* Finnlando

1. finno: popolo en norda Eŭropo / 2. fajr'ejo / 3. stoki: for-meti por konservi.

### Bel'fraŭlino

# Albanio 2001

### estas esperantisto



*Denisa Çela* [Ĉela] fariĝis *"belfraŭlino Albanio–2001"*. Ŝi aĝas nur 15 jarojn kaj ĉi-jare finis la studojn en baz'lernejo de Tirano, ĉef'urbo de Albanio.

Mi konas ŝin de kelkaj jaroj. Ŝia patro Shaqir [Ŝakir] kiel muntisto[1] de akvo-tuboj laboris iam en mia loĝ'ejo. Tiam mi parolis al li pri Esperanto kaj estis surpriz'ita, kiam li petis min instrui la internacian lingvon al lia filino, Denisa, kiu havas grandan emon al fremdaj lingvoj. Mi volonte konsentis.

Post kelkaj tagoj ŝi venis kun sia amikino en mian hejmon. Denisa, ĉiam gaja kaj afabla, regule frekventis[2] la lecionojn. La kurso daŭris tri monatojn. Ambaŭ knabinoj montris kreskantan intereson al Esperanto. La itala lingvo, vaste kon'ata de niaj ge-jun'uloj, helpis al ili kompreni multajn vort'radikojn de Esperanto. Ali'flanke, la lern'ata lingvo helpis al ili en la angla, instruata en la lernejo.

Mi donacis al ili lego-librojn kaj simplajn rakontojn por komenc'antoj. La revuo *Juna Amiko* ege plaĉis al ili. La knabinoj spektis[3], eĉ kopiis[4] por si la videokasedon[5] *Mazi en Gondolando.* Fine de Majo ili ekzamen'iĝis kune kun pli aĝaj ge-kurs'anoj en la mez'lernejo.

Pasis tri jaroj. Shaqir, kiun mi renkontis foj'foje, diris al mi antaŭ-ne-longe, ke Denisa partoprenos la ĉi-jaran konkurson "Belfraŭlino Albanio" en Shkoder [Ŝkoder], granda urbo en norda Albanio. Mi bon'deziris kaj la sukceso en-vere venis.

Nun Denisa estas "belfraŭlino Albanio – 2001". Estas unika[6] kazo, almenaŭ en Albanio, ke belfraŭlino estas ankaŭ esperantisto. Mi informis pri tio per Interreto en Esperanto kaj baldaŭ venis la unuaj gratulaj mesaĝoj[7] el Nov-Zelando, Meksikio, Germanio. Kelkaj invitis ŝin al sia lando por tia-maniere informi ankaŭ pri Esperanto.

*Bardhyl* SELIMI, Albanio (junio 2001)

1. fak'labor'isto / 2. vizitis kurson, lernejon / 3. kun atento rigardi programon / 4. du-obl'igis mult'obl'igis / 5. ujon por son- aŭ vid'bendoj / 6. preskaŭ sen-ekzempla / 7. ret'leteroj.

*Lev* TOLSTOJ

# LEONO, AZENO KAJ VULPO[1]



*Leono, azeno kaj vulpo ek-iris ĉasi. Ili kaptis multajn bestojn kaj la leono petis la azenon dividi la ĉas'aĵon. La azeno dividis ĝin en tri egalajn partojn kaj diris:*

*– Jen, prenu!*

*Ekkoleris la leono, for-manĝis la azenon kaj petis la vulpon dividi.*

*La vulpo kun-portis la tutan ĉasaĵon en unu amason, al si ĝi prenis nur malgrandan part'eton. La leono rigardis la vulpon kaj diris:*

*– Nu, vi estas saĝa besto. Kiu vin instruis tiel bone dividi?*

*La vulpo respondis per demando:*

*– Ĉu vi jam forgesis pri la azeno?*

Tradukis: *Elizabeta* RAJTMAR, *Hungario*

1. kvar-pieda besto kun longa vosto; simbolo de ruz'eco en fabeloj.

*Grupo "Pinokjo"*

# LA SORĈ'IST'INO KAJ LA ARANEOJ[1]

*(1-a premio en la kategorio A)*

(Ĝi gajnis ankaŭ la pintan premion Fabelo Internacia)

Estis iam knabino, kiu loĝis kun la gepatroj kaj frat'eto en dom'eto apud arbaro. Ŝia nomo estis Kiara kaj Andreo estis la nomo de ŝia frateto. Iun tagon la gepatroj sendis la ge-filojn preni brullignon en la arbaro. Sed ili tro mal-proksim'iĝis de la dometo kaj perd'iĝis. Poste, ili trovis voj'eton kaj ek-marŝis laŭ ĝi. Ili marŝis marŝadis ĝis, fine, ili al-venis riveron, sur kies bordo estis pom'arbo. Apud ĝi staris mal-nova, for-las'ita domo kun malnova fajr'ejo interne. La rivero estis mal-pur'ega, plena de boteloj, plastaj sak'etoj kaj lad'skatoloj[2]. Kiara pur'igis la riveron dis-de ĉiuj malpur'aĵoj kaj la rivero volis danki ŝin. Ĝi diris: "Dankon, knabin'eto! Mi ne povas pur'igi min de malpuraĵoj, kiujn la loĝ'antoj de la apuda vilaĝo ĵetadas en miajn akvojn. Rekompence por via servo, mi donas al vi bonan konsilon: ŝiru pomon de la pomarbo, kuiru ĝin sur la malnova fajrejo kaj, poste, el-premu la sukon de la kuir'ita pomo en miajn akvojn; fine, prenu akvon kun pom'suko en vian botelon, ĝi utilos al vi."

Kiara faris, kion diris la rivero kaj, poste, la gefratoj for-iris. Ek-mallum'iĝis kaj ili estis mal-sataj. Ili flaris[3] agrablan odoron de kuko, tial ili sekvis la aromon[4] kaj alvenis al ĉarma dometo. Ilin vidis du anseroj[5], kiuj kaŝe for-flugis al roko kun kastelo[6] ne-vid'ebla pro altaj arb'egoj. La anseroj venis al turo de la kastelo, kie loĝis maljuna sorĉistino kaj ili laŭte kriis: "Sorĉistino, sorĉistino! Apud via domo estas knabo kaj knabino. Ili baldaŭ en-falos en vian kapt'ilon. Venu, venu per via bala'ilo!"

Ŝi ek-rajdis sian flug'antan balailon kaj baldaŭ alvenis al la dometo. Ŝi trans-form'iĝis en bonan mal-jun'ul'inon, ven'igis la geknabojn en la dometon kaj donis al ili manĝaĵon kaj kuŝ'ejon.

Vi devas scii, ke la maljuna sorĉistino estis tre ambicia[7] kaj ke ŝi volis ek-posedi la reĝo-landon. Sed por tio ŝi bezonis mult'egajn arane'aĵojn, per kiuj ŝi povis fari magian[8] pocion[9]. Araneoj mal-abundis, jen kial ŝi transformis en araneojn ĉiujn geknabojn, kiuj venis al ŝi.

Do, dum Andreo kaj Kiara dormis, la sorĉistino transformis la knabeton en araneon. Ŝi volis transformi ankaŭ Kiaran, sed la knab-

ino vek'iĝis. Ŝi ek-memoris, kion diris la rivero, prenis rapide sian botelon kaj trinkis la akvon de la rivero. Ŝi fort'iĝis tiom, ke la sorĉ'aĵo ne estis efika sur ŝi.





**K**iara sukcesis for-kuri al la bordo de la rivero, kaj ŝi ek-pensis, kiel savi la frateton. Ŝi venis al la pomarbo, sed ĝi estis mal-sana kaj ĝemis[10]: "Mi soifas... de-longe ne pluvas. Se mi ne trinkos, mi mortos!" Kiara ĉerpis riveran akvon per sia botelo kaj akv'umis la arbon. Rekompence ĝi donis al ŝi konsilon: "Prenu pomon kaj kuiru ĝin sur la malnova fajrejo. Poste, plen'igu vian botelon per rivera akvo kaj re-iru al la dometo. Dis-pec'et'igu la kuiritan pomon sur la planko. Ĉiuj araneoj al-kuros pro la dolĉa odoro. Tiam verŝ'adu akvo-gutojn sur la araneojn kaj diru la magian formulon[11]:

*Gutoj, gutegoj, gutetoj,*
*Biriboj, biribegoj, biribetoj.*
*Mi verŝas alian guteton*
*Kaj aperos mia frateto.*

**K**iara reiris al la dometo kaj trovis la du anserojn gard'antaj. Kaŝe ŝi sur-ŝpucis[12] ilin kaj la anseroj en-dorm'iĝis. Poste, ŝi eniris en la dometon kaj faris, kion diris la pomarbo. Sed, kia suprizo[13] por Kiara, kiam ŝi vidis, ke ĉiuj araneoj estis infanoj!

*UNUA VARI'AĴO POR LA FINO*

**Ĉ**iuj infanoj, fine liberaj, kune fuĝis laŭ la vojeto. La sorĉistino post-kuris ilin, sed kiam ŝi venis al la rivera bordo, la akvoj ŝvelis kaj ŝvelis kaj ŝvelis ĝis, fine, ili rompis la digon[14], kaptis la sorĉistinon kaj dron'igis ŝin.

**A**ndreo kaj Kiara reiris al sia domo, kie la gepatroj atendis ilin kun etenditaj brakoj. Ankaŭ la aliaj geknaboj reiris al la vilaĝo kaj la vilaĝ'anoj promesis al la rivero neniam plu mal-pur'igi ĝin.

*DUA VARIAĴO POR LA FINO*

**L**a sorĉistino ĵuris[15], ke ŝi bon'iĝos kaj ŝi savis sian vivon. En la dometo kaj sur la apuda herb'ejo ŝi konstruis amuzan parkon, kaj la du anseroj gardis la infanojn kontraŭ malbon'uloj. La vilaĝanoj promesis al la rivero neniam plu malpurigi ĝin kaj ĉiuj vivis feliĉaj kaj kontentaj.

**PIED'NOTOJ de la paĝoj 10-11**

**1. sorĉ'ist'ino: vidu la bildon; araneo: 8-pieda insekto reto-fara / 2. lado: folio el metalo / 3. sentis odoron / 4. bon'odoron / 5. grandaj blankaj kort'birdoj / 6. bela dom'ego / 7. glor'dezira / 8. kun forto supernatura / 9. fluida kurac'ilo / 10. el-igis dolor'plenan voĉon / 11. preciza dir'formo / 12. rapide el-igis fluid'ajon / 13. ne-atend'ita ek-miro / 14. river'bordan bar'ajon / 15. parole prenis Dion kiel atest'anton.**

# EKSPOZICIO KUN KONKURSO DE

# INFAN'DESEGN'AĴOJ

## EL LA TUTA MONDO

Esperanto-rond'eto ĉe Urba Kultur'centro (MKS) en urbo Vyškov preparas ekspozicion de infandesegnaĵoj *de la 23-a ĝis la 31-a de marto 2002.*

Temo de la desegnaĵoj estas

## NIA HEJMO



La bildoj povas temi pri via familio, urbo aŭ vilaĝo, pri via regiono aŭ lando. Por la desegnaĵoj estos tri kategorioj laŭ aĝo de la aŭtoroj: ĝis 8 jaroj, 8–14 kaj 14–18 jaroj. Dors'flanke skribu la plenan nomon, naskiĝ'daton, adreson kaj titolon de la desegnaĵo. Rekomend'inda estas partopreno de infanoj el la klasoj de Kvazaŭ-lernejo Tibor Sekelj. La desegnaĵojn pri-juĝos vizit'antoj (aparte infanoj kaj plenkresk'uloj) de la ekspozicio kaj faka ĵurio. Ĉiu partopren'anto ricevos memor'diplomon, la aŭtoroj de la plej bonaj tri verkoj en ĉiu kategorio estos premiitaj. Formato de la desegnaĵoj ne estas lim'ig'ita. Konkurs'aĵojn (tiujn de pli grandaj formatoj prefere rul'ig'itaj) sendu ĝis la *15-a de februaro 2002* al la adreso:

*Esperanto-rondeto, MKS,*
*Jana Šoupala 4,*
*CZ-682 01 Vyškov, Ĉeĥio.*
Ret'kontakto por eventualaj demandoj:
*vojacek@jumbo.ped.muni.cz*

***Abon'tarifoj de Juna Amiko por la jaro 2002***

| | EUR | USD | 2-4 ekz. | Ekde 5 | Aere |
|---|---|---|---|---|---|
| Tarifo 1 | 11 | 10 | -33.3 % | -50 % | +20 % |
| Tarifo 2 | 6 | 5,60 | -33.3 % | -50 % | +20 % |
| Tarifo 3 | 4 | 3,60 | -20 % | -30 % | +20 % |
| Hungario | 600 HUF | | 480 HUF | 420 HUF | — |

# LA UNUA ETAĜO

Rubriko por la plej et-aĝaj esperantistoj

Verkita de
Stefan MacGill
pf. 193
HU-1368 Budapest
Hungario
stefan.macgill@gelamb.net

INFANOJ ĈIRKAŬ LA MONDO



# Ni estas en besto-ĝardeno!




## *Finu la besto-rimojn!*

Jen kvar'versaj poem'etoj pri bestoj. Sed pri kiuj bestoj? Ni ne scias, ĉar mankas la lasta vorto de ĉiu poemeto, ĝuste la nomo de la besto. Komplet'igu la poemetojn! Unu persono en la grupo laŭt'legu la poemojn, la ceteraj provu krii la nomon de la besto, kiu mankas.

(1)

Sen-krur'ulon vi re-konos,
Precipe se ĝi sible sonos.
Timo estos via sento
Je la vido de ________.

(2)

"Lakto bonas",
Ĝi ronronas.
La ŝat'ato
estas _____.

(3)

Bojas ĝoje,
Mordas foje,
Sed sen vundo,
Jen la _____.

(4)

Granda, griza, se ĝi devas,
Eĉ la pezajn trabojn levas.
Kun la rostra eleganto,
Kia besto? _________.

(5)

Apud akvo, apud tero,
Ĉe la lago, ĉe rivero,
Sidas sur fortika kano,
Kvakas laŭte dika ______.

(6)

Fora kapo, longaj kruroj,
Ĝi rigardas super muroj.
Por la alt'folia trafo
Taŭgas kolo de ______.

(7)

Ĝi al-kuras tanko-peze,
Korno estas nazo-meze.
Kiel buldozero —
Granda ________.

(8)

Pendas de la arba branĉ',
Preta por la vosta lanĉ'.
Ni rigardas kun envio
Kiel saltas la _______.

**PIED'NOTOJ por la poemetoj**

buldozero: pez'ega vetur'ilo: ter'eben-ig'ilo / kano: ĉe-borda kresk'aĵpo / kvaki: bleki rane / lanĉi: sin ĵeti antaŭen / ronroni: am'ind-ume murmuri / rostro: naz-ego de elefanto / sibli: longe el-igi akran so-non / tanko: pez-ega milit'veturilo el ŝatlo / trabo: sub-ten-ilo



Birdo ege mult'kolora,
Vosto ĝia bunte glora. (9)
Plen'iĝas ni per ravo
Je ek-vido de la ____.

La lokon de miel'substanc'
Ĝi per zig-zaga danc'
Komunikas, sen babelo, (10)
Diligenta, la ____.

Saltas ĝi risorte,
Rapide, longe, forte, (11)
Kun id' en ventra truo
Aŭstralia ______.

Brilas ronde du okuloj,
Sonas klare tri ululoj. (12)
Post la mus'ar'igo
Kontente dormas ____.

Subite kuras, predon ĉasas,
(13) Vore manĝas, ostojn lasas.
Poste kuŝas eĉ kun pigro,
Plurajn tagojn, stria ____.

Besto flosas en la Nilo,
Decide dika la profilo.
Evidentas la vad'amo (14)
de l' ________.

Unue henas, poste baŭmas,
Post la kuro, buŝe ŝaŭmas,
Inter montoj kaj ĉe valo (15)
Galop'adas la ______.

Pilkon sur la naz' balancas,
Dum ĝi pozas, prancas,
Glitas ĝi sur glata roko, (16)
Naĝ'ilojn batas bela ____.

Kun la bleko tondre muĝa,
En bild'strio eĉ roz'ruĝa, (17)
Sur la branĉoj, sur la tero,
Softe paŝas la ______.

Post mem-protekta preĝ',
Vizitu vi al besta reĝ', (18)
De vi restos eĉ ne ono
Post kontakto kun ____.

Verd'ulo el la marĉ' el-vadas
Niajn klubojn ĝi invadas, (19)
En kontraŭ-Esperanta stilo
Faŭke-blekas ______.



*babelo:* ne-kompreno pro lingva divers'eco / *baŭmi:* star'iĝi sur la mal-antaŭaj piedoj / *bunta:* mult'kolora / *faŭko:* gorĝ'ego / *flosi:* port'iĝi sur-akve per akvo / *galopi:* rapide kuri / invadi: amase okupi / *pigro:* mallabor'emo / *pozo:* korpo-pozicio / *pranci:* frap'adi, fiere konduti / *predo:* ĉas'aĵo kapt'ita / *ravi:* agrable surprizi / *risorto:* mov'ilo el ŝtal'bendo / *softa:* milde mallaŭta / *substanco:* materio / *ŝaŭmo:* aro da aer'vezik'etoj.

# MAGIA[1] KVADRATO

***Interesa kaj antikva[2] matematika kurioz'aĵo[3], kiu ĉiam prezentis defion[4] al tiuj, kiuj renkontis ĝin. Temas pri dis-met'ado de la naturaj nombroj 1, 2 ... 9 en po tri linioj kaj kolumnoj[5] tia-maniere, ke ek-estu jena propr'eco: la sumo de la nombroj en ĉiu linio, en ĉiu kolumno kaj en ĉiu diagonalo[6] estu ĉiam la sama (konstanta).***

Vidu ĉi-sube la klasikan[7] ekzemplon de la magia kvadrato:

| | | |
|---|---|---|
| 2 | 9 | 4 |
| 7 | 5 | 3 |
| 6 | 1 | 8 |

*Rimarku, ke la* ***sum'valoro*** *estas ĉiam* ***konstanta*** *en ĉiu situacio.*

*Linie:* 2+9+4 = 7+5+3 = 6+1+8 = 15
*Kolumne:* 2+7+6 = 9+5+1 = 4+3+8 = 15
*Diagonale:* 2+5+8 = 4+5+6 = 15

La naŭ-elementa[8] magia kvadrato jam 6000 jarojn antaŭ Kristo estis kon'ata de la ĉinoj kaj la antikv'uloj atribuis[9] al ĝi super-naturan forton. Ĝi estis konsider'ata kiel amuleto[10] alte efika por liber'igi iun de epidemio[11] kaj de skorpiaj pikoj, ekzemple.

Iu greka matematik'isto, kiu vivis en la 14-a jar'cento, kon'igis la magian kvadraton en Eŭropo. Li mem konstruis magian kvadraton de 64 elementoj, kies konstanto estis 260.

Alia persista kalkul'isto konstruis 16-elementan *preskaŭ-magian kvadraton* (temas pri magia kvadrato, kiu ne uzas la nombrojn laŭ ilia natura ordo: 1, 2, 3, 4...), kiu restas preskaŭmagia eĉ post 180°-a turno. Vidu ĝin:

| | | | |
|---|---|---|---|
| 18 | 99 | 86 | 61 |
| 66 | 81 | 98 | 19 |
| 91 | 16 | 69 | 88 |
| 89 | 68 | 11 | 96 |

Ĉi tie ni povus mencii ankaŭ pri la kvadratoj du'magiaj, tri'magiaj, hiper-magiaj[12] aŭ "diablaj". Sed tio estas temo por alia artikolo.

Por vi, juna leg'anto, ni proponas defion: 16-elementan magian kvadraton. Sugesto[13]: la konstanto de tiu ĉi kvadrato estas 34!

Agrablan amuz'iĝon!

*Evandro de Freitas,* Brazilo

**1. hav'anta super-naturan forton / 2. pra-tempa / 3. io tre stranga kaj mal-ofta / 4. lukt'inda tasko / 5. vertikala vico da ciferoj, literoj / 6. rekto de pinto al kontraŭa pinto / 7. pra-tempa kaj ĉie respekt'ata / 8. elemento: konsist'iga parto / 9. donis al ĝi propr-econ / 10. objekto kiu protektas kontraŭ mal-sano, danĝero / 11. ĝenerala mal-san'iĝo / 12. magia ĝis supera grado / 13. help'eto por solvi ion.**

# De kie la nomoj de valutoj[1]?

Apartan aktual'econ donas al la temo la fakto, ke ekde 2002 ĉesos cirkuli[2] pluraj naciaj valutoj de Eŭropa Unio (EU). Anstataŭ ili ek-funkcios la komuna valuto: *EŬRO*, kies nomo, vid'eble, venas el la nomo de la kontinento[3] Eŭropo.

Sed de kie venas aliaj nomoj? Estas interese iom "detektivi[4]".

- Kelkaj nomoj devenas de la bildo, kiu troviĝis iam aŭ eĉ nun sur iu flanko (averso / reverso) de la mon'ero. Plej konataj estas: *KRONO* (simbolo de reĝa potenco) en Ĉeĥio, Slovakio, Danio, Norvegio, Svedio, ekzemple. Reĝan potencon simbolis[5] ankaŭ leono sur ŝildoj de milit'istoj kaj moneroj. Ĉi tiun vorton oni retrovas en la rumana *LEO* kaj la bulgara *LEVO*. La portugala *ESKUDO* signifas ŝildon. La monero ofte sur-havis krucon, simbolon de krist'an'ismo. De tio venas la nomo de brazila *KRUZEJRO* aŭ la malnova aŭstra *KREJCERO*. Ofte la portreto de la reĝo ornamis la moneron. Jen la de-veno de la hispana *REALO* (reĝo), ekzemple.
- La nomo de la mono venas de oro, el kiu, komence, ĝi estis farita aŭ de la marko, kiu atestas pri la konstanta valoro de la metalo kaj la mono: *ZLOTO* (Pollando), *GULDENO* (Nederlando), *AŬRO* (Islando), *MARKO* (Germanio, Finnlando). La ganaa *CEDO* signifas konkon (iama pag'ilo).
- La mono ricevis sian nomon de la lando-nomo, kiel ni vidis supre ĉe *eŭro: FRANKO* (Frankland'ano) *SOMALO* (el Somalio), *MONGO* (el Mongolio), *BOLIVANO* (el Bolivio) kaj aliaj.
- La nomo montras la pezon de la metal'pec'eto kiel, ekzemple, ĉe la itala *LIRO* (el la latina *libra*) kaj ĉe la brita *PUNDO*. La hispana *PESETO* same aludas pezon.




- Fine, *TALERO (>DOLARO)* sian nomon ricevis de la germana produkto-loko en la 16-a jar'cento: *Joachimsthal*. La signifo de *talero*: aĵo el Joachim-valo.

Ĉu vi scias, de kio venas la nomo de via mono? Se jes, skribu al ni. Ni tre sci'volas.

*Zoltan* K*URUCZ*, Hungario

1. valuto: oficiala mono de iu ŝtato / 2. funkcii kiel ĝenerala inter-ŝanĝ'ilo / 3. mondoparto / 4. detektivo: kaŝ'polic'isto / 5. io konkreta, kiu el-vokas ideon malkonkretan / 6. sur-brake port'eblaj ŝirm'iloj.

*"Kilometrojn, kilometrojn..."*

Pro kio la mezurunuo estas ripetata? Jen respondo de la poeto *Rikardo Ŝulco:*

*Versaĵo estas ne nur araj vortoj,*
*ne nur enhavo, estas ankaŭ formo.*
*Ĝin akompanas ritme la eskortoj,*
*El bumda bumda bumda bum la normo.*

Jes, "Kilometrojn, kilometrojn..." estas ja titolo de versaĵo, en kiu virino esprimas sian sopiron je la amato troviĝanta tro fore de ŝi.

Ne nur *rimado* kaj *ritmado* reliefigas lirikaĵon, sed ankaŭ nekutimaj *vortaranĝoj, frazkonstruoj* kaj la *akcentado de* difinitaj *silaboj* aŭ *sonoj* povas kontribui al la pliintensigo de la impreso, efiko.

Prezentu al viaj E-lernantoj kelkajn poemetojn kaj observigu ilin pri neordinaraj formoj ene de la mesaĝo. Eble konsciiĝo pri la aparta rolo de t.n. retorikaj figuroj plialtigos ilian elokventecon.

***Jen kelkaj ekzemploj:***

*La pacon* akapari vi por vi mem ne povos.
*La pac'* ne divideblas. Se vi izole provos
*La pacon* realigi, vin la milit' frakasos.
Nur per komuna peno la solvon ni ektrovos.

***Anaforo*** – ripeto de unu sama vorto aŭ vortgrupo komence de sinsekvaj frazoj

Jes, certe, iam estos, ke *ĉio min forlasos.*
*Ne, mi forlasos ĉion,* ĉar tiam mi forpasos.
Ĉu do la kulpo mia? La morto min perfortos.
Ĝi estas la pli forta. Neniu ĝin frakasos.

***Kiasmo*** – inversigo de la vortaranĝo en la dua frazoparto

Jesuon oni murdis, Gandion, la asketon,
Kaj pafis sur la Papon, *de l' pac' la interpreton,*
Mortigis ankaŭ Kingon, la nigran Diserviston.
Neniun pli malamas la homoj ol profeton.

***Anastrofo*** – ŝanĝo de la kutima vortordo

***Rikardo Ŝulco:*** *La Mago* kaj
*Vespero jam fariĝis*

La neĝo blankas, la mondo nigras
kaj vi, *Senjo*, buntas
de ruĝo kaj ruĵo –
jes, kiel *Suno,*
jes, kiel floroj,
por logi *abelojn*
por montri la *belajn*
animon kaj korpon
plaĉigi la sorton
laŭdigi la forton.

***Paronomazio*** – proksimigo de du sonsimilaj vortoj

***Blazio Vaha:*** *Adolesko*

Arbaron trairis elefant',
*bum! bum!*
Leonon ĉasi iris dand',
*bum! bum!*
Kun kasko kupra, longa spad',
ne mankis eĉ tamburfrapad'.
*Bum! bum!*
Tiu dand'
paŝadis kiel elefant'.

***Onomatopeo*** – imitado de naturaj bruoj per lingvaj sonoj

... kaj viaj pensoj kaj koraspir'
batigos estonan koron –
*kaj* flugos *kaj* flirtos *kaj* fluos for
por krei kun energio,
ĝi hejmon popolan konstruos por
multegaj generacioj.

*Polisindeto* – ripetado de la sama konjunkcio

***Juhan Liiv:*** *Al abelujo ĝi flugas*
*Tradukis: Hilda Dresen*

La versaĵon kun la titolo *"Kilometrojn, kilometrojn..."* verkis itala poetino *Lina Gabrielli.*

Vi trovas ĝin en *"Literatura Foiro"*, n-ro 176.

**Ne forgesu pri poezi'amantoj.**

# KONSTANTA KONKURSO POR VI en Juna amiko

*Vi povas partopreni en la kvizo post ioma ajn n-ro. Provu mezuri viajn sciojn lingvajn kaj kulturajn. Ne forgesu, ke solv'ante la task'etojn vi povas konsulti librojn, gazetojn kaj geamikojn.*

La regularon vi trovas en la numero: 1/01 (96), marto 2001.

La plej lertaj solv'intoj de la septembra n-ro (redaktis kaj korektis: M. Belošević):

***1-a kategorio:*** *Elina Tauriainen,FI: 23 poentoj.*

***2-a kategorio:*** *Samanta Cajic, Svijetlana Akik, Ivana Bartol, ĉiuj el HR: po 30 p.*

***3-a kategorio:*** *Lence Efremova, MK: 30 p.; Pavol Petrik, SK: 30 p.; Erkko Maki, FI: 30 p.*

**Sum'ig'itaj poento-nombroj** (post tri turniroj):

***1-a kategorio:*** *Agnes Gulyas, HU: 54 p.; Elina Tauriainen, FI: 46 p.*

***2-a kategorio:*** *Samanta Cajic, HR: 86 p.; Marija Mitevska, MK: 86 p.; Martina Greguric, HR: 81 p.; Svijetlana Akik, HR: 58 p.*

***3-a kategorio:*** *Erkko Maki, FI: 87 p.; Lence Efremova, MK: 85,5 p.; Maria Molnar, HU: 85,5 p.; Pavol Petrik, SK: 79,5 p.*

Kompletajn listojn vi trovas en nia hejm'paĝo. Vizitu ĝin, ni petas:

***www.banyai-kkt.sulinet.hu/esperanto***

## humuro

*el la kolekto de Zoran Čirić*

*— Se vi bone kondutos dum la tuta semajno, mi prenos vin kun mi al la maro en la ven'onta somero — diras la patrino al la filo.*

*— Se vi finos la lernojaron eminente, ni kune vizitos mont'aron en la venonta vintro — al-donas la patro.*

*— Bone, sed kion mi devus nun fari, por ke mi tuj for-iru al kinejo? — demandis la knabo je la fino.*

Bojan ne-atente trans-iris la straton kaj oni ek-aŭdis fortan bremso-sonon.

— Atentu iom! Oni eĉ ek-pensos, ke mi ne scias veturi, kvankam mi estas ŝoforo jam kvar jarojn! — ekkriis la homo.

— Tion mi kredas al vi, sed mi estas pied'ir'anto jam naŭ jarojn! — respondis Bojan.



**n-ro 4** | **12-a konkurso-jaro** | **Lim'dato: 1.II.2002**

1. Klar'igu per ekzemploj la diferencon inter *-ujo* kaj *-ejo*. (4 poentoj)
2. Donu po unu sinonimon[1] por *kolibro, kaverno, koketa.* (3 poentoj)
3. Al-donu la ĝustajn fin'aĵojn: *Ki... vi estas? Ana Bolco. Ki... vi estas? La nova instruistino. Ki... vi faras ĉi tie? Mi atendas la lernejestron. Ki... horo estas? La tria.* (4 poentoj)
4. Faru almenaŭ kvar vortojn per *polv-* kaj uzu ilin en frazo. (4 poentoj)
5. El-pensu almenaŭ ses vest'aĵojn, kiuj komenciĝas per ĉ, ĝ, ŝ, z. (3 poentoj)
6. Kion sciigas pasporto pri sia posed'anto? Donu kvar faktojn. (2 poentoj)
7. Kial *puloj, kuloj* kaj *muloj* ne estas *uloj*? (1 poento)
8. Uzu afiksojn[2] anstataŭ la sub-strek'itaj vortoj: (3 poentoj)
   Li <u>komencis</u> labori. Ni <u>plur'foje</u> renkontiĝis. Mi <u>ne ĝuste</u> aŭdis.
9. Sen afiksoj aŭ vort'kun-metoj skribu ok verbojn[4], kiuj indikas mov'iĝon per-piedan. (2 poentoj)
10. Kiujn landojn indikas[3] ĉi tiuj poŝtaj kodoj: CA, CH, CU, CN? (4 poentoj)

La solvojn sendu al: *Raita Pyhälä, Jykyntie 3, FI-69440 Lestijärvi, Finnlando*
Ret'adreso: *<raitapy@jymy.kase.fi>*

1. vorton kun la sama aŭ tre simila senco / 2. vort'far'ilojn kiel *ek-, -ul, -ar, dis-* ... / 3. montras

## Solvoj de la antaŭa numero (n-ro 3)

1. moŝto / rozo / rajtas / muŝo
2. lernejo, lernilo, lernejano, mallerni, lernema, lernigi, mislerni, lernajo, lernulo, lernejestro, lerninda, lernenda, (ne)lernebla, antaŭlerni ...
3. CO: Centra Oficejo; JD: Junulara delegito; MA: Membro-abonanto
4. *Amikon ŝatu, malamikon ne batu.*
5. teatristo, stelul(in)o ; konstruaĵo, kabano, palaco ; peni, strebi; bezonata, ne-mal-hav'ebla*
6. literaturo, historio, matematiko, fiziko, kemio, biologio, korpokulturo, geografio, desegnado, informadiko, fremda lingvo, kantado, legado...
7. Nepre vizitu la TTT-ejon www.... kie vi trovas havindajn informojn pri Esperanto, la racia solvo de la lingva Babelo de la mondo.*
8. Vidu ilin en libro de *Hugo Röllinger*: Monumente pri Esperanto (1997)
9. Renato Corsetti (Italio)
10. benko > banko > barko > ŝarko

** ekzistas ankaŭ alia(j) ĝusta(j) solvo(j).*



# BRAZILO

## la ĉef'lando de Esperantio

*La plej granda evento[1] por la tut'monda esperantist'aro estas UK. Ĉi-foje ĝi okazos en Brazilo de la 3-a ĝis la 10-a de aŭgusto 2002. Temas pri la proksima, 87-a UK, kiu denove montros al la homaro ne nur verajn egal'econ kaj frat'econ, sed pruvos ankaŭ la ne-diskut'eblan funkci'adon de Esperanto.*

### HISTORIO

En la jaro 1500, kiam la portugaloj malkovris Brazilon, ĝi estis loĝ'ata de indiĝenoj[2]. Poste, venis ankaŭ afrik'anoj, devig'itaj de la portugaloj. La nigr'uloj laboris sklave por ekspluati la riĉ'aĵojn de la nova kontinento[3]. La *7-an de septembro 1822* estis proklamita[4] la sen-depend'eco de Brazilo kaj la *13-an de majo 1888* estis dekret'ita[5] la liberigo de la afrikaj nigruloj.

### GEOGRAFIO

Brazilo estas la sola lando de la Amerika[6] kontinento, koloniita de portugaloj. Ĝi ampleksas[7] 8.547.403 km$^2$, kio igas ĝin la kvina plej granda lando en la mondo. Ĝi estas divid'ita en kvin grandajn regionojn. Ĝia loĝ'ant'aro konsistas el preskaŭ 170 milionoj da brazil'anoj (en 2000), kiuj plej-parte vivas ĉe la bordo de Atlantiko. La ĉef'urbo de Brazilo estas *Braziljo* (portugal-lingve *Brasília*).



### KULTURO

La brazila kulturo estas tre riĉa, ĉar ĝi

est'iĝis el la etnaj tradicioj de kvar ĉefaj fontoj, el tiu de indiĝenoj, nigruloj, portugaloj kaj en-migrintoj. La indiĝena kulturo vid'eblas en kuir'arto, muziko kaj izolaj manifestacioj[8]. La nigrula influas[9], antaŭ ĉio, muzike, dance, religie, kuirarte. La eŭropa restis, ĉefe, sude. Rimark'eblas, ekzemple, la kultura influo de enmigr'intoj el Italio, Germanio kaj Japanio. Brazilo estas fame kon'ata kiel lando de karnavalo[10] kaj futbalo. Talentaj brazilanoj el-staras internacie en scienco, literaturo, muziko kaj sporto.

## LINGVO

La oficiala lingvo de Brazilo estas la portugala kaj, malgraŭ diversaj regionaj akcentoj[11], ĉiuj bone sin komprenas de nordo ĝis sudo. Brazilo estas lando privilegie[12] lok'ita, ĉar ĝi najbaras preskaŭ ĉiujn sud'amerikajn landojn, kiuj sia-vice grave mal-similas al Brazilo pro siaj lingvoj, kiuj ĝenerale estas hispan'devenaj. Brazilanoj estas, do, la sola sudamerika gento, kiu parolas portugale.

## FOLKLORO[13]

La folkloraj brazilaj festoj grup'iĝas ĉirkaŭ kvar ĉefaj datoj:

- *Krist'nasko* – festata ĉiam la 25-an de decembro.
- *Karnavalo* – festata per tipaj[14] dancoj de ĉiu regiono. Ĝi ĝenerale okazas en februaro.
- *Sankta Johano* – festata en junio, ĉefe en Nord'oriento.
- *Dia Sankta Spirito* – ankaŭ ĝi okazas en junio kaj estas festo religia.

El la plej konataj brazilaj luktoj el-stariĝas *Capoeira* [kapoejra]. Hered'ita[15] de afrikanoj, ĝi havas sian propran muzikon kaj estas ĉefe praktik'ata en Nordoriento kaj Sudoriento. Ĝiaj praktikantoj faras duon'cirklon kaj du el ili en la centro dance luktas per rapidaj kaj ritmaj[16] frapoj, uz'ante nur la krurojn, piedojn, kalkanojn[17] kaj kapojn, sed neniam la manojn.

## FORTALEZA – LA KONGRES'URBO

Dum la lasta jardeko la brazila ŝtato *Ceareo* rapide progresis. Ĝia ĉefurbo, *Fortaleza* troviĝas inter la kvin plej

gravaj kaj grandaj brazilaj urboj kaj estas unu el la turisme plej allogaj. Vivas en ĝi ĉirkaŭ 2 milionoj da homoj. La urbo en verda pejzaĝo disting'iĝas per stabila klimato[18] kaj original'eco en kuirarto, bunt'eco[19] en bel'arto, gast'amo kaj belaj vid'ind'aĵoj de la marbordo.

## LA ESPERANTO-MOVADO




La brazila Esperanto-movado estas gvid'ata de Brazila Esperanto-Ligo (BEL). Fond'ita en 1905, ĝi estas landa asocio de UEA ekde 1933 kaj ĝia laboro estas monde konata per ĝia oficiala organo, la 36-paĝa tri-monata revuo *Brazila Esperantisto*. BEL-sid'ejo funkcias en Braziljo. Ĝi sub-tenas portugal'lingvan Interretan paĝon, kiu en-havas plurajn utilajn informojn pri Esperanto. Por kontakti la estraron de BEL, la esperantistaro el la tuta mondo povas sendi mesaĝon[20] al la adreso: *bel@esperanto.org.br* . Por la junularo ekzistas ankaŭ la Brazila Esperantista Junulara Organizo (BEJO). Krom ili funkcias pluraj regionaj kluboj, asocioj aŭ societoj, kiuj aktivas divers'maniere por dis-vast'igi la Zamenhofan lingvon, el-doni librojn traduk'itajn aŭ originalajn, organizi kursojn, renkont'iĝojn.

## UK 2002

La grav'ega evento, kiun la brazila esperantistaro atendas, estas la 87-a Universala Kongreso de Esperanto, kiu okazos en Fortaleza, ŝtato Cearao en la brazila nordoriento. En 1981 Braziljo jam estis kongresurbo por la 66-a UK. Tiam venis al ni 1749 gastoj.

La temo por la venont'jara UK jam estas difin'ita: *Divers-eco – ŝanco, ne minaco*. Tiu ĉi temo estas tre grava por la tuta mondo, inkluzive[21] la esperantistojn.

Ni, brazilanoj kaj la urbo Fortaleza atendas ĉiujn en- kaj eksterlandajn esperantistojn.

*Evandro de Freitas,*
Brazilo

1. okaz'aĵo / 2. pra-loĝ'antoj / 3. mondo-parto / 4. oficiale el-dir'ita / 5. ŝtate kaj skribe de-cid'ita / 6. plene sub-prem'ita de alia nacio / 7. ĉirkaŭ-limas / 8. amasaj sur-stratai el-montr'adoj de opinioj, kutimoj / 9. efikas / 10. tempo por festaj amuz'aĵoj / 11. el-parolaj manieroj / 12. avantaĝ'raj-te / 13. popol'kulturo / 14. karakterizaj por iu grupo / 15. ricev'ita de antaŭulo / 16. kun egalaj muzikaj akcentoj / 17. mal-antaŭo de piedo / 18. kondiĉ'aro de vetero / 19. mult'kolor'eco / 20. sciigon / 21. en-hav'ante ankaŭ.

## *Ĉu s-ino Devi povas pruvi sian sen-kulp'econ?*



La riĉ'ega sinjoro SINGH festis la edzin'iĝon de sia filino. La festo okazis matene kaj lia grandega gazono[1] estis plena de gastoj.

Subite kri'ego ŝiris la aeron. La patrino de la nov'edzino palpserĉis ĉe sia kolo kaj akre kriis: *"Mia diamanta[2] kol'ĉeno mal-aperis."* Ŝia edzo rapidis al ŝi kaj demandis mal-trankvile: *"Kio okazis, mia kara?"*

*"Mi portis la kolĉenon, kiun vi donacis al mi je mia naskiĝ'tago. Ĝi estis ĉirkaŭ mia kolo kelkajn minutojn antaŭe"*, ŝi diris konfuzita... ŝi ĉirkaŭ-rigardis kaj ŝia voĉo fort'iĝis. *"Nun mi scias, kiu forprenis ĝin... Via ĵaluza[3] onkl'ino, Devi... Ŝi koliziis[4] kontraŭ mi tiel forte, ke mi preskaŭ falis... Devas esti ŝi!!!"*

Je tio, kolere replikis[5] la onklino: *"Kion vi diras?..."*

Ĝuste tiam, venis la fotograf'isto. Li diris: *"Mi faris tri polaroidofotojn[6] pri s-ino Singh nur kelkan tempon antaŭe. Eble tiuj solvos la problemon."*

S-ino Singh, kiu rigardis la fotojn, triumfe[7] kriis: *"Ĉu mi ne diris? La kolĉeno ne troviĝas en la tria foto, kiu estis far'ita post la kolizio kontraŭ Devi."*

S-ro Singh detale observis la fotojn... Trankvila li diris: *"Devi ne estas kulpa. Vi devas peti ŝian pardonon."*

Kial li opiniis tion? Vidu la bildojn.

Ĉu vi povas solvi la enigmon?

*(Solvo sur paĝo 26)*

*S-ino SARANATH*, Hindio

1. zorge kultur'ata herbo-tapiŝo / 2. diamanto: valor'ega juvel'ŝtono / 3. envie mal-trankvila / 4. kun-puŝ'iĝis / 5. doni respondon / 6. tuja paper'foto / 7. kun konscio pri sen-duba venko.

## VINILKOSMO INFORMAS

### "JoMo Friponas!"

*Aperis la unua k-disko (CD), sur-bend'ig'ita en propra Vinilkosmo-Son'studio!*

*Jen ege mult'stila k-disko de JoMo kun gajaj kaj danc'igaj kantoj latin'amerik'etosaj, kantriaj, slavecaj kaj eĉ blusaj kun tekstoj, el-vok'antaj la Esperanto-movadon, pacon, amon, liberecon, atentan zorgon al nia planedo, naturo kaj la hom'aro. En la kanto* "En IJK" *kun-kantis lokaj esperantistoj kaj en la por-infana kanto* "Suno sunu" *kunkantis esperantistaj infanoj.*

"JoMo Friponas" *unua-foje estis prezent'ita dum la 57-a IJK (Internacia Junulara Kongreso) en Strasburgo, kie ĝi furoris! Referenco: VKKD 44. Mend'ebla ĉe la kutimaj libro-servoj aŭ rekte ĉe Vinilkosmo po 13,75 eŭroj + 3,13 eŭroj por sendo-kostoj al Francio aŭ 3,05 eŭroj al EU-landoj (aliaj landoj aŭ por pliaj ekzempleroj konsultu: Vinilkosmo *Esperanto-Muzik-Prod.*, FR-31450 Donneville, Francio. Ret'adreso:* vinilkosmo@esperanto.org*).*

*Oni povas mendi kaj aĉeti ankaŭ rekte pere de ilia TTT-ejo:*

**http//www.vinilkosmo.com**

***SOLVO de Detektivu!***

S-ino Singh vidis la fotojn en erara ordo. S-ro Singh rimarkis, ke aviadilo estis flug'anta de oriento al okcidento en ĉiuj tri fotoj.

Bildo 1 – Aviadilo tute mal-dekstre. S-ino Singh portas kolĉenon.

Bildo 3 – Aviadilo meze. S-ino Singh ne portas kolĉenon.

Bildo 2 – Kolizio. Aviadilo tute dekstre. S-ino Singh ne portas kolĉenon.

Sekve s-ino Singh perdis la ĉenon antaŭ ol Devi koliziis kontraŭ ŝi...

**Bildo 2 fakte estas bildo 3.**

**SOLVOJ** de *Ni estas en amuzparko* (n-ro 3/01, p. 15)

**A)** *Duversaj poemetoj:*
1. frapaŭta; 2. labirinto;
3. giganta rado; 4. karuselo;
5. luna; 6. fantomdom';
7. raketo; 8. tunelo;
9. ondotrajno / glittrogo

**B)** *Naŭ diroj de naŭ infanoj:*
1. glittrogo; 2. spegullabirinto;
3. karuselo; 4. ondotrajno;
5. frapaŭtoj; 6. amtunelo;
7. fantomdomo; 8. giganta rado; 9. raketo / lunoparko

## PREMIITOJ DE TUTMONDA FABELKONKURSO (Vidu p. 6)

**Kategorio A** *(por malpli ol 10-jar'aĝaj infanoj)*

1. **Grupo "Pinokjo"**. Baz'lernejo La Castellina, Prato, Italio. Pro fabeloj *La sorĉ'ist'ino kaj la araneoj* kaj *La sorĉistino kaj la forges'iga pocio.*
2. Grupo "Mar'ondo". Infan'lernejo de Chateauroux, Francio. Pro *Promen'ado en ĉina ĝardeno.*
3. Grupo "Marko". Bazlernejo La Castellina, Prato, Italio. Pro *La granda nigra nubo.*

**Kategorio B** *(por 10-11-jaraĝaj geknaboj)*

1. **Grupo "La Herb'eroj"**. Bazlernejo La Castellina, Prato, Italio. Pro *La perd'ita harmonio.*
2. Karina MacGill, Hungario, pro *Iam estis monstro*
3. Stefani Strunjak, Kroatio, pro *Pikec kaj Paŭlina*

**Kategorio C** *(por 12-14-jaraĝaj)*

1. **Zlatko Đordević**, Serbio, pro *Riĉa reĝo*
2. kaj 3. kiel 1. Pro *Princ'ino de formikoj* kaj *Vojaĝoj kun mar'feinoj*


**juna amiko**

**Internacia Esperanto-revuo de ILEI por lernejanoj kaj komencantoj**

28-a jaro, n-ro 4 (99), 2001

**Aperas 4 fojojn jare**



**Redaktoro: *Géza Kurucz* (Hitel u.10.fszt.16, H-6000 Kecskemét, Hungario)**

**Retadreso: suli267@szeged.sulinet.hu**

**Vicredaktoro kaj administranto ĝis la fino de 2001: *StefanMacGill* (retadreso: stefan.macgill@galamb.net)**

**Varba direktanto: *Zoran Čirić, Branka Miljkovica 14, YU-18000 Niš, Jugoslavio***

**Administranto ekde 2002: *Sándor Hideg.*** Rete: juna.amiko.adm@posta.net

**Abona adreso: Juna Amiko, Pf. 193, H-1368 Budapest, Hungario**

**Eldonanto: ILEI, Stenbockensgata 102, SE-136 62 Haninge, Svedio**

**Lingva reviziant o: *André Albault* (Francio)**

**Kunlaborantoj: *s-ino Raita Pyhälä, Anja Karkiainen* (Finnlando), *Baldur Ragnarsson* (Islando), *Tatjana Auderskaja* (Ukrainio), *s-ino Jennifer Bishop* (Aŭstralio), *Zoran Čirić* (Jugoslavio), *s-ino Saranath* (Hindio), *Gennadij Basov* (Rusio), *Bardhyl Selimi Mezini* (Albanio), *Till Dahlenburg*), *Dieter Berndt* (Germanio), *Pekim Tenorio Vaz, Evandro de Freitas* (Brazilo), *Elizabeta Rajtmár, Zoltán Kurucz* (Hungario), *Marija Belošević*** (Kroatio), ***Michel Nkwirikiye* (Tanzanio), *Eugenia-Ecaterina Popoviciu* (Rumanio), *Mensah B.Attiogbe-Agbemadon* (Togolando), *José J.Campos Pacheco* (Kubo).**

**Grafikistoj: *Irina Nagy* (Rumanio), *Monika Molnár* (Hungario), *Pavel Rak* (Ĉeĥio)**

**Komputila kolora tekniko: *János Bakk* (Hungario)**



**Farita en Presejo Saluton**

**Chinoin u.20, H-1045 BUDAPEST, Hungario**

**ISSN 0230 1318**

Geknaboj de
baz- kaj mezgradaj lernejoj,
kiuj ekstudis Esperanton
ĉi-jare en grupo en- aŭ eksterlerneja,
kaj kiuj volas ek-havi kontakton
Interretan aŭ paper'poŝtan
kun sam'aĝ'uloj el la vasta mondo,
fariĝu lernantoj de nia

# KVAZAŬ-LERNEJO
## *"Tibor Sekelj"*

Vizitu nian TTT-ejon:
*http://lps.uniroma3.it/kler*

La ĉefa "stud'objekto" de nia lernejo:

# INTERKULTURO

t.e. reciproka kon'at'iĝo kun la vivo
kaj kulturo de ali'landaj geknaboj.

**Venu kaj util'igu vian lingvo-scion!**

**Uzu Esperanton por interamikiĝo!**